# SENNACIULO

OFICIALA ORGANO DE S.A.T.

http://satesperanto.free.fr/ *** retadreso: satesperanto@free.fr



## CUNAMO - KATASTROFO



SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

Februaro 2005 76-a jaro, n-ro 2 (1196)
MENSUEL / MONATA
ISSN 1163.0442 Prezo: 5 €



## El la redaktejo...



Karaj,
kvankam vi jam multe legis kaj aŭdis pri tiu terura natura katastrofo "Cunamo", kiu trafis la Sudan Azion, ni prezentas al vi ĉi tie alian flankon.

En la sama numero vi trovos multajn detalajn informojn pri nia 78-a kongreso. Kiel suplementon vi ricevas aliĝilon kaj mendilon. De nun vi povas ĉion mendi kaj definitive aliĝi.

**La unua aliĝperiodo estas plilongigita ĝis 28.02.2005. Profitu tuj !**

Estas nepre necese partopreni en tiu ĉi kongreso kiu devos pridiskuti gravajn problemojn kaj fari decidojn. Sed kiel vi vidas, ankaŭ la distra kaj turisma parto de tiu kamaradeca renkontiĝo estos tre interesa. Do, ne plu hezitu sed agu tuj, por ke nia Asocio montru sian viglecon kaj ekzistokialon. Estu do aktivaj SAT-anoj, por kiuj gravas SAT.

Kamaradece,

*via Redaktoro*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesperanto@free.fr.
TTT-paĝoj:
http://satesperanto.free.fr
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
IBAN: FR 77 30041 00001 0123422K020 39
BIC: PSSTFRPPPAR
Redaktas: Redakta Komitato - P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.
❐
Imprimé par : EDRB, 7 rue Marie Pia, FR-91480 Quincy-sous-Senart.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Jacques BANNIER
Abonnement annuel/jara abono France 55 €.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
Commission Paritaire n° AS-74399
Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.

# KELKAJ FOTOJ PRI LA KONGRESLOKO "JUNULARA URBO " - EN ZAGREBO



*La kongreso okazos en verda kaj agrabla loko*



*En la verdejo troviĝas dometoj*



*Ankaŭ la koridoro estas uzebla*



*Jen la manĝejo....*



*.... kaj la manĝoj*



*Plurlita ĉambro*



*Klasĉambro*



*La teraso*

### ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la CD en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Se vi sendas tekstojn surpapere, vi tajpu ilin normale. Dankon. La Redakcio

# CUNAMO KATASTROFO - EN SUDA AZIO -

## La alia flanko

*La 26-an de decembro Cunamo detruis la domojn kaj posedojn de miloj da homoj, loĝantaj en la regiono de la Hinda Oceano. Kiel povis okazi tia katastrofo kaj kial ne troviĝis en unu el la suferantaj landoj iu averta sistemo kiel havas insulo Havajo? Ekzemple sur la insulo Diego Garcia, insulo kie troviĝas giganta milita bazo de la usona armeo? La direktoro de la Usona centro por detekto de ter-kaj martremoj en Havajo, en iu intervjuo esprimis sian miron, kial en la Hinda Oceano ne troviĝas sama sistemo kiel en Pacifiko, sistemo kiu detektas kaj eventuale savas homajn vivojn?*

Ekzistas multaj duboj kaj diskutoj pri la valoro de ĉi tiuj detektaj sistemoj. Eĉ bone funkciantaj ili lasos tro malmulte da tempo por alpreni rapidajn decidojn




*Skema prezento de la evento - tertremo provokanta Cunamon*

kiuj eventuale povus savi la vivon de homoj. Evidente laŭ ideoj de la judoj: "tiuj, kiuj savas la vivon de unu homo savas la homaron", eble estas iom tro naiva por elspezi milionojn da dolaroj/eŭroj/jenoj. Kiom da mono valoras homa vivo, estas la demando? Ĉu valoras la elspezo, kiam ni scias ke pluraj sciencistoj asertas, ke sistemo kiu detektas tertremojn aŭ en nuna kazo martremojn povus savi la vivon de dekmiloj da homoj. Ekzistas du ebloj: aŭ Havajo posedas senutilan detektan sistemon aŭ mankas bona sistemo en la ĵus detruita regiono kie pli ol 200.000 homoj perdis la vivon. Ĉu hazarde precipe malriĉuloj?

Oni povus pripensi konstrui detektan centron sur la insulo Diego Garcia. Malgranda insulo, eĉ ne 50 kvadrat-kilometrojn granda, kiu ludas decidan rolon ĉe brulaĵ-provizado de armilŝipoj kaj batal-aviadiloj de la Usona armeo. Usono uzis la insulon kiel bazon por ataki en 1991 Irako-n, en 1998 ĝi servis kiel raket-lanĉejo en milito kontraŭ Irako kaj en 2001 en atakoj kontraŭ Afganio. Evidente Diego Garcia estis de sama grave strategia intereso dum atakoj al Irako ekde 2003.

Kion ni scias pri Diego Garcia? La insulo estas sub suvereneco de Britio sed loĝas sur ĝi preskaŭ ekskluzive usonaj soldatoj, entute 3.500 homoj.

La "indiĝena" popolo de la insulo ne estas ĝenata de la soldatoj aŭ la bruo de raketoj kaj aviadiloj. Inter 1967 kaj 1973 oni sisteme deportadis ilin al la insulo Maŭricio, kie ili povis loĝi en unu el la senelirejaj kvartaloj de malriĉuloj. La loĝantoj kontraŭbatalis la devigan deportadon kaj jen, Brita tribunalo pravigis ilian plendon, sed la tribunalo samtempe substrekis la neceson de la milita bazo sur la insulo. Tio okazis en la jaro 2000 kaj antaŭ iom pli ol 1 jaro en 2003 alia tribunalo decidis ke la enloĝantoj de Diego Garcia estas kontraŭleĝe pritraktataj, sed… ili ne povas postuli ajnan rekompencon por la suferoj kaj perdoj, nek povas reveni al la naskiĝlando. La homoj nun atendas novan pritrakton de la kazo en apelacia tribunalo.

Spertuloj diras ke la spiona centro, kiu Diego Garcia ankaŭ estas, plej bone utilas por havi esplor- kaj averto sistemojn kontraŭ naturkatastrofoj kiel la lasta Cunamo.

Jes, kelkaj aliaj sciindaĵoj pri Diego Garcia. Neniu homo vundiĝis, neniu homo, usonano, perdis la vivon sur la insulo post aŭ dum la Cunamo, feliĉe ĉu?

Sed ekzistas aliaj lokoj kiuj suferegis pro la Cunamo pri kiu la mondaj informiloj apenaŭ parolas. Evidente (ĉu?) ĉiuj landaj televido-kanaloj kaj radio elsendoj kaj gazetaro el la regiono multe parolis precipe pri lokoj en kiuj eventuale feriis aŭ restadis samlandanoj. Pli kaj pli oni povas havi la impreson ke nur valoris la mortintoj el Eŭropo aŭ Usono.

Phuket estis tre grava loko kie



*Terura konsekvenco de Cunamo kun pli ol 200.000 mortintoj*

troviĝis multegaj turistoj, do valoraj homoj, kaj feliĉe, rapide, diru 2 tagojn post la katastrofo, la televidoj jam povis montri ke la povraj putinoj el la regionoj jam denove servis al la kapricoj de la turistoj. Ke la strandoj jam denove estas purigitaj de kadavroj, ke la aspekto estis kiel diris maljuna turistino "paradiza". Kiu el vi legis ion en la popola preso pri la katastrofoj kiujn kaŭzis Cunamo en Somalio, Kenio, Tanzanio aŭ sur Seŝeloj?

Pasis sufiĉe multe da tempo antaŭ ol ni ricevis informon pri la situacio en Atjeh kie la Indonezia armeo faras veran teroron. Iama prezidento Megawati Sukarnoputri donis al la regiono aŭtonomion sed

oni neniam respektis ĝin. La fakto ke en la regiono 40.000 soldatoj subpremas la loĝantojn de Atjeh kaj la terure malbona infrastrukturo tie pligrandigis la katastrofon. Pro la Indoneziaj militistoj kaj la malbona infrastrukturo la mondo apenaŭ



*Alveno de la ondego*

ricevis novaĵojn el tiu regiono kaj estas preskaŭ certe ke la popolo tie pli longe kaj pli forte suferas pro la Cunamo ol multaj aliaj homoj ie ajn en la mondo.

Raportoj de diversaj homrajtaj asocioj jam dum jaroj plendas pri la amasa malrespekto kaj perforto de homaj rajtoj en ĉi regiono. Por la jaro 2004 oni povas aldoni: "rifuzo doni helpon al homoj en krizokazo!".

Jes aldone por ke vi pli bone komprenu. Atjeh estas pro la oleoriĉecoj tre riĉa regiono por la kapitalistoj kaj iliaj lakeoj. Vi komprenu ke estas plej bone por la kapitalistaj amikoj, ke kiel eble plej malmultaj eksterlandaj kaŝspektantoj volu viziti la regionon por doni helpon.

Ĉu nenio bona el la tuta katastrofo? Jes fakte jes. La popolo el la tuta mondo montris grandan solidarecon. Ni esperu ke ĉi solidareco venas el la koro, el humanisma kialo kaj ne el iu ekstremnaciisma ideo ke necesas doni helpon nur al samlandanoj kiuj havis feriojn en la regiono de la Hinda Oceano.

*Progresema Esperanto Forumo*

---

ZAGREB ATENDAS VIN!




# METI FINON AL LA BLOKADO

28an de oktobro, 2004, ankoraŭfoje, la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj aprobis la rezolucion kontraŭ la blokado, kiun la usona registaro altrudas al Kubo. Per tiu ĉi dokumento la plej supera organizo tutmonda kondamnas dektriafoje la kriman politikon far Usono kontraŭ sia najbara insulo en Kariba Maro. La rezolucio estas aprobita per 179 favoraj voĉdonoj, nome, 93,7 procento de la membroj de UNO, kiuj sumiĝas 191. Eblas diri: jen frapanta neado, el plimulto de nacioj, al la plej longa blokado en la historio!




Ene de agendo de Ĝenerala Asembleo, tiu afero troviĝas kiel temo 28, kun titolo "Neceso meti finon al ekonomika, komerca, kaj financa blokado altrudata de Usono kontraŭ Kubo". Ankaŭ komenciĝo de la sesio por voĉdono, la ministro pri Eksteraj Rilatoj de Kubo, Felipe Pérez Roque , faris longan paroladon al la delegacioj kunsidintaj. Krom diskonigo de liaj vortoj tra radio kaj televizio, la ĵurnalo **Granma** same faris per presitaj literoj. Nun ni provas oferti ĉi tie resumon, surbaze de ĉefaj punktoj.

Unue la Ministro deklaris, ke la blokado jam daŭras 45 jarojn. Tiu tempo egalas al la tuto da jaroj forpasintaj post la sukceso de Kuba Revolucio. Ekde la unua jaro mem de revolucia regado, la usona registaro komencis malhelpi ĉiun pozitivan agon en Kubo. Konsekvence 70 procento de nuna loĝantaro nepre spertis la dumvivan suferadon kaŭze de blokado. La usonaj registoj sin pravigas, kaj argumentas, ke ĉio estas komerca reteno kaj do afero duflanka, kiu ne devus esti prezentata antaŭ la Ĝenerala Asembleo. Kaj krome, ke tio ne estas blokado, ĉar Usono ne enmiksiĝas en la Komercon de Kubo kun aliaj nacioj.

Tamen tiuj vortoj kontraŭdiras la realan agadon de Usono. Vere la plej granda potenco starigas ekonomikan militon genocidan, celante la renverson de Kuba Revolucio kune kun ekstermo de ties popolo. Ili malpermesas jenon al Kubo: eksporton al Usono, importon el Usono, akcepton de usonaj turistoj. Samtempe ili metas barojn por malhelpi al Kubo atingi teknologion usonan, kaj kompreneble produktojn, aparatojn kaj krudaĵojn de tiu lando.

Helpe de tiaj planoj ekzistas paro da juraj dokumentoj devenintaj el la Kapitalo de Vaŝingtono. La leĝo Torricelli malpermesas, al entreprenoj dependaj de usonaj kompanioj en triaj landoj, komerci kun Kubo.

Tiu ĉi leĝo de 1992 ankaŭ malpermesas al ŝipoj de iu ajn nacio alveni en Kuban havenon. Se ia ŝipo ne plenumis la malpermeson, ĝi ne povos alveni en usonan havenon dum ses monatoj. En 1996 estas

aprobita la leĝo Helms-Burton, kiu punas entreprenistojn ekster Usono, se ili negocas kun Kubo. Ili kaj familianoj ne ricevos vizojn por veturi Usonon, kaj eĉ pendas super ili minacoj pri estontaj procesoj ĉe usonaj tribunaloj

La blokado tre baras la vojon de Kubo ĝis la disvolvo, kaj same ĝi estas agado kontraŭ homaj rajtoj de Kuba Popolo. La usona registaro malpermesas al ajna Kompanio, ie tra la mondo, eksporton de produktoj aŭ aparatoj al Usono, se ili enhavas ian krudaĵon de Kuba deveno. La kanada filio de Kompanio Picker International ne povis vendi al Kubo anstataŭajn pecojn por X-radiaj aparatoj, ĉar tiu entrepreno dependas de alia ĉefa Kompanio en Usono. Mem en jaro 2004, la usona registaro malpermesis al grava farmacia Kompanio ABBOTT vendi al Kubo du medikamentojn, tre necesajn por Aidosa flegado.

Kubo havigis al si ilin, en alia lando, paginte sesoblan prezon.

La usona registaro malhelpas al Kubo la uzon de dolaro kiel monunuo por komerci kun la ceteraj landoj. Niaj monricevoj aŭ pagoj per tia monunuo estas konfiskataj. La Kuba registaro estas informita ke usonaj aŭtoritatoj provas premadi aron da bankoj, ĉiufoje pli grandan, en aliaj landoj, por atingi blokadon al transpagoj el Kubo. Pro tio la usona registaro monpunis per 100 milionoj da dolaroj la Svisan Bankon UBS, kaŭze ke ĝi ricevis transpagon per dolaroj el Kubo kaj profite de turismo kaj komerco. Ĉio enestas la fian planon bojkoti turismon ĝis Kubo disde Eŭropo, Kanado kaj aliaj landoj. Kun tia celo fondiĝis Grupo por Persekuto de Kubaj Aktivoj, por la misio haltigi transigon de valutoj al Kubo kaj el Kubo. Jen la kialo ke en Kubo la registaro ordonis apartigi de cirkulado usonan dolaron, interne de la nacia teritorio. Anstataŭ ĝi, Kuba peso Konvertebla, estas la sola pagilo por ĉio antaŭe pagita per dolaroj.

Kaj ni finas per laŭtekstaj vortoj de parolado mem de Felipe Pérez Roque :

Kial la usona registaro ne ĉesigas la blokadon de Kubo?

Ĉar ili sentas timon. Ili timas nian ekzemplon. Ili scias ke, se la blokado estus haltigita, la ekonomika kaj socia disvolvo de Kubo estus rapidega. Ili scias ke, ni elmontros, eĉ plie, la eblecojn de Kuba Socialismo, la aron da potencialoj ankoraŭ neentute diskonigitaj, en iu lando kun neniaj diskriminacioj, kun socia justo kaj homaj rajtoj por ĉiuj civitanoj kaj ne sole por kelkaj malmultaj. Ili estas la registaro de granda kaj ĉiopova imperio, sed ili timas la ekzemplon de la malgranda insulo ribelanta

*Jorge Luis Gonzalez*

bestoj, kiuj devas labori ĝis la limo de sia kapablo. Kvankam la aŭtoroj de tiu raporto (membroj de organizoj en Sudkoreujo, kiuj helpas la rifuĝintojn de Nordkoreujo aŭ kiuj kreis informocentron pri homaj rajtoj en Nordkoreujo) emfazas la singardemon kun kiu ili kolektis la informojn, restas loko por dubo. « Ĉu ili diris al ni la veron ? » Tio estas la titolo. Amikino de Sudkoreujo diris ke ŝi aŭdis tiom multe kontraŭ Nordkoreujo ke ne estas facile distingi la veron de la propagando. Ankaŭ post disfalo de diktaroraj reĝimoj, kiam la informoj komencis disvastiĝi, kelkaj homoj ne povis kredi ke similaj abomenaĵoj okazis apud ili, en ilia lando. Sed tio ne apartenas al pasinteco. Ĉu eblas almenaŭ ĉesigi tiujn torturojn kaj turmentojn ? Kiel ? Aŭ ĉu la homa karaktero estas tia ke emo al povo kaj avideco superas emon al toleremo kaj kompato, ke perforto ne estas evitebla ĉu en sia kruda fizika formo, ĉu malpli evidenta pro pli subtilaj rimedoj ?

*Franciska Toubale*

# Ĉiu rozo havas sian dornon

Pasintan oktobron mi decidis iri de Francujo al Anglujo per ŝipo. Mi konscias ke tio estas nek la plej rapida, nek la plej malkosta maniero vojaĝi, sed mi ŝatas tion.

Mi enŝipiĝis en Saint Malo en ŝipo de la kompanio "Brittany Ferries" (Bretonaj Pramoj ).

Por vespermanĝi mi iris al la restoracio de kie eblas samtempe rigardi al la maro. Subite mia rigardo haltis je la ornamaĵo meze de la tabloj : malgranda vazo kun rozoj, preskaŭ similaj al veraj floroj. Nur per tuŝo eblas esti certa ke temas nur pri imitaĵo. Tuj revenis al mia memoro la paĝo 82 de la libro, kiun mi ĵus legis. En nordkoreaj kvazaŭkoncentrejoj la malliberuloj produktas ornamaĵojn en



formo de rozoj el diversaj koloroj.iu malliberulo produktas 60 erojn hore aŭ 1000 erojn tage por eksporti al Francujo (septembro 1990 ĝis februaro 1991). Ŝajnas ke estro de gulago lernas de sia antaŭulo. La vivkondiĉoj estas tiom teruraj, ke multaj ne sukcesas travivi. La malliberuloj estas traktataj kiel

## APARTA ATENTIGO AL FILATELISTOJ

Nia k-do Modesto Ramelli informas nin:

Gekamaradoj WEISS sendis al mi kompletan kolekton de luksaj filatelaj dokumentoj eldonitaj de oficiala poŝta printejo. Estus gravega damaĝo dispecigi ĝin. Ili entenas la jarojn 1986, 1987 kaj 1988, kompletaj francaj eldonaĵoj.

Se iu estos interesata, li povas proponi monsumon. Mi sendos al li, se li deziras, fotokopion de iu folio. Ĉiu folio estas de formato A4, kiu entenas taŭgan artikolon pri la temo de la poŝtmarko, ekzemplero de tiu ĉi kaj alia rekta printaĵo. La tuto estas dika volumo pezanta pli ol 5 kilogramojn.

Estus bone ke tiu kolekto restu en la manoj de esperantistoj.

Bonvolu kontakti nian k-don al la adreso: Modeste, RAMELLI, 11 Impasse Moulin Neuf, FR-57160 CHATEL ST. GERMAIN, Francio.

# Kiel oni diras komputilo en la Aborigena?

Sandor Horvath

ALAWA ALNGITH AMARAG ANDEGEREBINHA.ARABANA AREBA.ATAMPAYA AYABADHU BAAD BADIMAYA BANDJIGALI BARROW POINT BAYUNGU BIDYARA BIRI BURDUNA DARLING DAYI DHARGARI DIRARI DJANGUN DJAWI DJINGILI DJIWARLI DYAABUGAY DYABERDYABER DYANGADI DYIRBAL DYUGUN ERRE FLINDERS ISLAND GADJERAWANG GAGADU GAMBERA GANGGALIDA GIYUG GUGADJ GUGU BADHUN GUNGABULA GUNYA GURDJAR GUWAMU JARNANGO KAMILAROI KAMU KANJU KARADJERI KOKATA KUKU-MANGK KUKU-MU'INH KUKU-UGBANH KUMBAINGGAR KUNGGARA KUNGGARI KUTHANT KUWAMA LAMU-LAMU LARAGIA LARDIL LIMILNGAN MADNGELE MAGADIGE MANDA MANDANDANYI MANGALA MANGERR MARA MARANUNGGU MARGANY MARGU MARIDAN MARIMANINDJI MARIYEDI MARTUYHUNIRA MAYAGUDUNA MBARA MBARIMAN-GUDHINMA MIRIWUNG MIWA MULLUKMULLUK MUL'URIDYI MURUWARI NARUNGGA NGADJUNMAYA NGALAKAN NGAMINI NGARLA NGARNDJI NGAWUN NGURA NGURMBUR NHUWALA NIJADALI NIMANBUR NUGUNU NUNGALI NYANGGA NYAWAYGI NYULNYUL PAKANHA PINI PINIGURA PITTA-PITTA THAYPAN TYARAITY UMBINDHAMU UMBUGARLA UMBUYGAMU URADHI URNINGANGG WADJIGINY WADJIGU WAGAYA WAKAWAKA WAMBAYA WAMIN WANGAAYBUWAN-NGIYAMBAA WANGGAMALA WANGGANGURU WARAY WARLUWARA WARRGAMAY WARUNGU WIK-EPA WIK-KEYANGAN WIK-ME'ANHA WIKNGENCHERA WILAWILA WIRADHURI WIRANGU WULNA YANDRUWANDHA YANGMAN YAWARAWARGA YIDINY YINDJILANDJI YINGGARDA YIR YORONT

Tiu ĉi listo de mortintaj aŭ preskaŭ mortintaj Aŭstraliaj Aborigenaj lingvoj sonas kiel listo de bestoj de alia planedo.

Multaj sur tiu listo jam malaperis kaj kun ili gravega parto de nia heredaĵo. La stato de Indiĝenaj lingvoj tra la mondo estas spegulata ankaŭ en Aŭstralio. La angla ludis kaj daŭrigas ludi gravan parton en la mortigo de aliaj lingvoj. Kelkaj eĉ nomas ĝin "la mortiga lingvo" (Killer Language).

Kelkaj eĉ asertis ke la mortigo de lingvoj estas la kaŝita holokaŭsto en la hodiaŭa Aŭstralio. Eĉ indiĝenoj kutime ne scias multe pri la riĉa lingva heredaĵo.

Jen kelkaj faktoj:

- Antaŭ la alveno de la blankulo, 250 diversaj lingvoj kun centoj da dialektoj floris tra Aŭstralio.
- Du trionoj de ili jam pereis aŭ preskaŭ pereis. Hodiaŭ proksimume 90 lingvoj ankoraŭ vivas. Inter ili oni povas taksi 17 kiel fortajn, tio signifas, ke ili estas parolataj de ĉiuj aĝgrupoj kaj en ĉiuj sferoj de la vivo.
- La plimulto de denaskaj parolantoj, proksimume 30.000, loĝas en malgrandaj, ekonomie malavantaĝitaj komunumoj, ĉefe en la norda kaj centra partoj de la lando.
- La lingva komunumo de Aborigenaj lingvoj estas ege malgranda. Antaŭ la kontakto ĉiu lingvo havis 4.000 - 5.000 parolantojn. Hodiaŭ nur 8 havas pli ol 1.000 parolantojn.
- Nur 10 elcentoj de la Aborigena popolo parolas sian Indiĝenan lingvon. 90% perdis sian lingvan heredaĵon.
- Multe da lingvoj malaperis sen spuroj.

Tamen, tiuj ciferoj diras al ni nur ege malgrandan parton de la historio. Personaj rakontoj necesas por vere akiri senton de la enorma perdo.

*Oni komunikas sentojn, kiujn vi ne povas en la angla. Vi vere povas esprimi vin precize kaj vi tre bone povas kompreni kion oni diras al vi.*

*Kiam ni uzas nian lingvon en nia lando, ni sentas ke la lando aŭskultis tiun lingvon ekde la komenco de la tempo, kaj ni imagas ke ni estas ĉe la komenco de la tempo, kaj tiu estas la sola lingvo kiun nia lando komprenas.*

*Estas tre bone por la lando aŭdi tiun lingvon. Estas nia devo paroli en la lingvo de tiu tero, ĉar tiu estas la lingvo de tiu tero.*

*Kiam ni eniris la teritorion kaj alparolas ĝin, ni ankaŭ parolas al la spiritoj, la homoj kiuj forlasis nin en tiu mondo. Ni scias ke ili revenis al la tero. Ni komunikas kun ili.*

June Oscar, ĉefo de la Kimberley Language Resource Centre

Kun ĉiu mortanta lingvo ankaŭ mortas manieroj pensi, senti kaj diri, kiuj estis ellaboritaj tra multe da generacioj.

Se la Anmatyere popoloj el la dezerto perdos sian lingvon, ĉu iu ajn scios la specialan vorton por la blanka polvo kiu formiĝas sur iu speco de sovaĝa pomo?



Se la orienta Mirriwong de la Kimberley regiono malaperas, kiu memoros "jowaljobu", la vorton por la temperaturo kiu sentigas vin bone?

Kompreneble lingvoperdo okazas tra la tuta mondo. Tamen, laŭ UNESKO, Aŭstralio estas la lando kun la plej granda nombro da perditaj aŭ endanĝerigitaj lingvoj. Ĉiuj Aborigenaj lingvoj estas minacataj. Ne ekzistas garantioj ke eĉ la nuntempaj "sanaj" lingvoj restos tiel dum la venontaj jardekoj.

Unu el la ĉefaj kialoj por la

krizo en la vivoj de tiom da Aŭstraliaj Aborigenoj estas la manko de bona interkompreniĝo.

"Kial ili ne lernas la anglan?" oni ofte aŭdas.

Ne multe da Eŭropaj Aŭstralianoj serioze klopodas lerni unu el ILIAJ lingvoj.

La perdo de la gepatra lingvo estas unu el la ĉefaj kialoj de multe da problemoj en diversaj Aborigenaj komunumoj.

*Ni Yolngu sidas en kunvenoj ĉiam, aŭskultante la anglan. Ofte ni povas aŭdi la plimulton de la vortoj sed la ideo de la frazo ne estas klara.*

*Ni tro hontas konfesi ke ni ne komprenas la blankulojn. Ni nur sidas tie, ni diras nenion kaj ni ne demandas. Ni pensas ke eble ili parolas pri nenio, do ne gravas se ni ne komprenas.*

En Arnhem-Lando 75-95% de la komunikado inter kuracisto kun Yolngu-malsanuloj malsukcesas.

Ĉu vi povus labori kiel kuracisto en alia lando sen paroli la lingvon? En Aŭstralio ni preskaŭ ĉiam sendas nur angleparolantajn kuracistojn al Aborigenaj lokoj.

Krom la granda kvanto de aliaj problemoj, Aborigenoj devas lukti en batalo de vortoj.

Tiu breĉo en la komunikado estas unu el la ĉefaj kialoj por la perdo de regado de siaj vivoj. La blanka komunumo devas preni serioze la lingvan problemon, se ni volas renversi la suban spiralon de disfalo de multe da Aborigenaj komunumoj tra Aŭstralio.

### Kial la Aborigenaj lingvoj estas tiel gravaj?

Por Aborigenaj grupoj, la lingvo estas grava simbolo de identeco. Ĝi estas la ĉefa esprimilo de memfido, kultura respekto kaj socia identeco. Aborigenaj lingvoj estas trezoro de homa kono. Ĉiu lingvo estas historia dokumento de la vivstilo, socia organizado, la mondpercepto kaj interago kun la medio.

Aborigenaj lingvoj donas al ni gravajn mediajn kaj historiajn informojn. Ili povas malkaŝi la trezoron de plantoj kaj bestoj, ilian uzadon por nutri kaj kuraci.

Antropologoj kredas ke la plej granda kontrezoro pri tropikaj kaj sekaj medioj ekzistas en la menso de Indiĝenaj homoj.

Lingvisto Dorothy Turnbridge komencis studi la Adnyamathanha lingvon, lingvon parolatan en la Flinders Montaro. Ŝi finfine skribis libron pri la zoologio de la regiono, nomita "La mamuloj de la Flinders Montaro".

Ŝi trovis ke la indiĝenaj homoj ankaŭ konas la nomojn de bestoj jam formortintaj antaŭ kelkaj jarcentoj. Oni eĉ trovis la ostojn de malaperintaj bestoj post aŭdi iliajn nomojn.

### Kiel Aborigenaj lingvoj povus travivi?

Por havi bonan ŝancon de travivo, endanĝerigita lingvo bezonas teritorion kaj agnoskitan politikan statuson. Helpas kiam la parolantoj estas iomete izolitaj, kiam ili havas fortan literaturan tradicion, kulturan fieron,…..kompareblan al tiu de judoj kaj la eŭskoj.

Al Aborigenaj lingvoj mankas preskaŭ ĉio kaj nur drasta ŝanĝo de pensmaniero povus renversi la evoluon al la preskaŭ certa malapero de unu el niaj plej gravaj naciaj heredaĵoj: la lingvoj de la Aborigena popolo.

Ethnologue, **Nearly extinct Languages**, viewed 31 May 2004, <http://www.ethnologue.com/nearly_extinct.asp#The+Pacific>

Lingua Franca, 2004, **Aboriginal Languages: Why The Struggle To Keep Them Alive?,** ABC Radio National, 24/01/04, viewed 31 May 2004, <http://www.abc.net.au/rn/arts/ling/stories/s1008591.htm>

Notoj

**McConvell P & Thieberger N 2001, State of Indigenous Languages in Australia – 2001 Australia State of the Environment Technical Paper Series (Natural and Cultural Heritage), Series 2 Department of the Environment and Heritage, 2001, *ISBN* 0 642 54871 4**

Nelson, Daniel **Last Word Looms for Half the World's Languages**, *One World*, February 21, 2002, viewed 31 May 2004, <http://www.globalpolicy.org/globaliz/cultural/2002/0221mother.htm>

Trudgen Richard - Djambatj Mala 2000, **Why Warriors Lie Down and Die**, Towards an understanding of why the Aboriginal people of Arnhem Land face the greatest crisis in health and education since European contact, Open Book Print, Adelaide, p. 70

**The Spoken Word**, **Keeping The Aboriginal Language Strong**, viewed 31 May 2004, <http://www.bri.net.au/spokenword.html>

## NEKROLOGO

Ni ĵus eksciis ke en Lille (FR) mortis 84-jara nia malnova fidela membro, kamarado

**André LABIT**
**(matr. 21731)**

Ni kondolencas al liaj familianoj kaj geamikoj.

****

La 30-an de decembro 2004, estante 81 jara, subite mortis en Linz (Aŭstrio) nia malnova membro

**Max HOLLINGER**
**(matr.28713)**

Li estis multjara aktivulo de SAT kaj de Linza E-klubo. Max organizis eĉ tri SAT kongresojn (1955, 1983, 1990) kaj per siaj konsiloj ĉiam pretis helpi la aliajn organizantojn. Amika, helpema kaj modesta li restas por ĉiam en nia memoro. Ni elkore kondolencas liajn tri filojn kaj aparte lian edzinon esperantistinon Cecilia. Ni ankaŭ kondolencas al lia esperanto-filino, kun kiu li regule partoprenis niajn kongresojn, nia litovia perantino Gražina.



# VIAJ OPINIOJ.....

## Eŭropa Unio – Konstitucia Traktato

Dum la unua duonjaro 2005 estos en Francio referendumo pri Eŭropa Konstitucio. Do, ni akiris la dokumenton pri projekto de Konstitucio por studi ĝin kaj difini kiamaniere ni voĉdonos. Ni tuj rimarkis tre gravan punkton :

Ĉapitro : Difino kaj celoj de Unio
Artikolo I-3 – La celoj de Unio
1 – Unio havas celon, disvolvi Pacon, ĝiajn valorojn kaj la komforton de siaj popoloj.
... ... ...

Kiam oni konas la eŭropan historion, la kvanton da militoj sur eŭropa tero. Kiam oni scias ke la du mondmilitoj komenciĝis en Eŭropo kaj faris milionojn da mortintoj. Por ni, tiu punkto estas ĉefa kaj ni esperas ke ĉiuj homoj avidaj je Paco voĉdonos « JES », ĉar sen Paco ne estas sociala progreso.

Aliaj punktoj, kiuj plifortigas la rolon de Eŭropa Parlamento, estas interesaj :

La Eŭropa Parlamento havos kun la Konsilio de landaj Ministroj la leĝajn kaj buĝetajn funkciojn ; ĝi elektos la Prezidanton de la Komisiono (artikolo : I-19). La Eŭropa Parlamento povos cenzuri la Komisionon kaj ĉiuj membroj de la Komisiono devos demisii (artikolo : I-25).

Sed ni scias ankaŭ ke la batalo por pli justa socio neniam estos finita, kia ajn estos la registaro, kia ajn estos la politika reĝimo.

*André kaj Colette Weiss*

☆☆☆

## Plia reago

Detlev ŝajne kredas, ke mia plej grava 'krimo' estas, ke mi ne persone spertis vivon en GDR kaj ne el mia propra scio "kapablas kompari la du germanajn sociajn sistemojn". Sed ni loĝas en "tutmonda vilaĝo" kaj, kiam la evidentaĵoj pri tiu fifama ŝtato estas tiel nerezisteblaj oni rajtas fidi malrektan ateston.

Kiam Detlev ankoraŭ asertas "ke ekzistis provoj realigi gravajn elementojn de socialisma sociordo. Ili foje estis relative sukcesaj ..... la sociala sistemo estis pli justa" (ol en nuntempa Germanio) oni devas demandi kial granda nombro de orientanoj riskis ĉion por eskapi. Krome kial la reĝimo elpelis multajn homojn el GDR, ĉefe verkistojn kaj artistojn, kiuj poste ne povis kontakti siajn familiojn kaj amikojn trans la Muro.

Detlev pravas, ke "la arkivo en GDR estas la sola en la mondo, libere alirebla". Jes ja - starantaj vertikale tiuj dosieroj en Leipzig formus linion de 180km! La Stasi (mi rimarkas, ke Detlev tute ne menciis tiun vastan internan armeon de spionemuloj kvankam ili estis unu sesono de la loĝantaro) monitoris ĉiun aspekton de ĉiutaga vivo. Miriam Weber nun laboras en Leipziga organizaĵo kiu ankaŭ dungas antaŭajn Stasi-informantojn kiel mastrojn. Ili scias ŝian historion kiel, efektive, politikan malliberulon. Ili scias, ke ŝi, kiel kuraĝa dekkelkjarulo, provis grimpi la Muron; kaj poste oni konstante observadis ŝin; ke ŝia edzo mortis en Stasi ĉelo.

Kiel unu el la britaj soldatoj kiuj pasigis ses jarojn kontraŭ faŝismo, estas ofendo por mi kiam Detlev sugestas, ke mi komparis GDR kun la nazia regno. Mi konscias, kaj salutas, la memoron de la miloj da bravuloj - socialistoj, komunistoj, ktp - kiuj kontraŭis la naziojn, kaj suferis la koncentrejojn.

Detlev ankaŭ skribas "absurdas kompari GDR kun la lando de Orwell". Eble mi povas klarigi al Detlev alian aferon pri lia propra lando. La timeginda Stasi ĉefo, Erich Mielke, renombris la oficejojn de la Sekreta Servo-Estrejo. Lia oficejo estis en la dua etaĝo (la nombroj de la oficejoj komencis per "2"). Mielke bone konis Orwell (kvankam malpermesita en GDR) kaj renomis la tutan etaĝon "mezetaĝo" por nombri sian propran oficejon "Ĉambro 101"!

Detlev faris gravan eraron. Li konfuzas la idealisman penadon de sinceraj antifaŝistoj kun la terura ŝtato de spionemuloj kiu efektive mastris la landon.

*Vilĉjo Simcock*

☆☆☆

## Precizigo

En la artikolo «Respondo al k-do Kani» (Sennaciulo, jan. 05, p. 9), mia nomo estas menciita. Mi do devas precizigi la jenon :

En Sennaciulo de aprilo 04, p.54, mi efektive esprimis opiniojn, bazitajn sur asertoj, kaj akompanatajn de demandoj. La rimarkoj estis destinitaj al la tuta SAT-membraro, kaj la demandoj al la PK, de kiu mi atendis respondojn. Tiuj respondoj ne venis (venis al mi nur individuaj reagoj de kelkaj PK-anoj, kio ne estas la samo). Bedaŭrinde la Ĝenerala Konsilantaro ankaŭ ne debatis pri miaj rimarkoj kaj demandoj, kiuj do ĝis nun restas validaj kaj respondendaj. Sed mi tute ne petis iun respondon de la Ĉaŭdefona eks-OKK. Laŭ la aserto de la du subskribintinoj de la aludita artikolo — el kiuj unu ne estis membro de la OKK — la eks-OKK respondis neinvitite al "asertoj", kiujn mi al ĝi ne direktis, kaj tiun respondon ĝi sendis ne al mi, sed al la redakcio de Sennaciulo, kiu ne publikigis ĝin. Mi ne povas ion aldoni al tiu nebula afero, sed ĉar mi probable estas menciita en tiu "tute ekvilibra respondo", mi devos denove fari komenton pri ĝi, se iam Sennaciulo publikigos ĝian enhavon.

La sama teksto aludas artikolon de Heroldo, titolitan "Alvoko por nova maldekstro". Tiu ĉi artikolo interalie mencias min en maniero neniel rilata kun la realeco, sed mi ne volas malŝpari spacon en Sennaciulo por komenti la stultaĵojn de Heroldo. Evidente, se Sennaciulo represos tiun tekston, mi estos devigita fari la necesan komenton.

*Michel DUC GONINAZ*

## Deklaro de la OKK de la 78a SAT Kongreso

Bv. aperigi en Sennaciulo ĉi deklaron rilatan al la teksto aperinta en n-ro 1(1195) sur paĝo 8, titolita *«Alia vizaĝo de Kroatio»*.

En la espero ke la verkinto ne verkis tiun tekston malbonintence, tamen leginte la tekston, ni iasence nin sentis malagrable, ĉar iuj povus pensi ke prezentante la kongresurbon kaj kongreslandon ni deziras ion, ĉi foje gravan kaj danĝeran, prisilenti. Samtempe ni metas nin en la pozicion de la kongresonto kiu legante diversajn gazetojn plej ŝatus fidi al E-lingvaj informoj kaj kiun tiu teksto povus pensigi pri partopreno al la 78a SAT Kongreso.

Jes, veras ke ankoraŭ oni ne plene senminigis Kroation post la terura milito kiu okazis ĉi teritorie sojle de la 21a jc. Sed samtempe ni devas atentigi vin, ke kaj dum la militaj jaroj kaj post la fino de la milito, Kroatio gastigis plurajn grandajn internaciajn eventojn, ĉu kulturajn, edukajn, sportajn, politikajn. ***Neniam okazis ke iu inter la partoprenantoj de tiuj eventoj estis en danĝero, eĉ ne tiuj kiuj pro la faka temo de la evento vizitis danĝerigitajn teritoriojn.***

Ni ankaŭ uzas eblecon kaj memorigas Esperantistaron ke en la jaro 2001, Zagreb gastigis **15an Ekumenan Esperanto-kongreson** kaj tuj poste la **86an Universalan Kongreson de Esperanto** kaj **34a Internacia Infana Kongreseto** (ĉi lasta samloke kie okazos la 78-a SAT-Kongreso). Certe kompare kun hodiaŭ tiam estis pli da minoj en Kroatio, sed ni ne memoras (eble ni eraras, pro kio ni pardonpetas) ke tiam aperis similaj tekstoj en la oficialaj organoj de la internaciaj E-organizoj kies kongresoj okazis en Kroatio.

**Ni deklaras, ke la lokoj kie okazos la 78a SAT Kongreso kaj lokoj kiujn oni vizitos dum kaj post la kongreso estas ekster la mindanĝero.**

*OKK de la 78a SAT Kongreso*

**El la SAT-sidejo**
**67 avenue Gambetta**
**FR-75020 Paris**

## *Reeldono de Nova PIV*

### *korektita kaj ĝisdatigita*

*La unua eldono de Nova PIV elĉerpiĝis kaj ni estos devigataj reeldoni ĝin. Intertempe estas korektitaj eraroj el la unua eldono kaj la nova eldono aperos korektita kaj ĝisdatigita. Bedaŭrinde, por tiu nova eldono, nia Asocio ne disponas pri sufiĉe da mono. Pro tio ni decidis malfermi*

## *FONDUSON*

### *por reeldono de Nova PIV*

*Ni invitas SAT-anojn kaj ĉiujn esperantistojn kontribui al tiu fonduso kaj tiel ebligi la reeldonon de PIV. Pro nesufiĉa nombro de niaj membroj el kiuj eĉ granda parto pagas nur simbolan kotizon, la vendo de PIV grave helpas al la financa ekvilibro de nia asocio kaj ĝia normala funkciado. Esperante vian komprenemon kaj malavaran partoprenon en tiu nia entrepreno, ni anticipe dankas al ĉiuj.*

*****

*De tiuj gekamaradoj, kiuj eventuale estas pretaj prunti la monon por tiu ĉi reeldono, ni akceptas*

## *PRUNTON*

*kiun ni repagos post la vendo de la reeldonita PIV. Elkoran anticipan dankon al ĉiuj partoprenontoj en tiu kampanjo.*

*La P.K. de SAT*

**FONDUSO PIV**
Nonomura Jo 5000 JPY; Tahira Masako 4200 JPY; anonime 50,00 €



**HELPO AL LA ASOCIO**
**En Francio (€)** : R. Pontnau 18,00; Kessous 42,00 €; Ge-Sadier 12,00; A. Nové 46,00; J. Bés 18,00; Ge-Chevrolat 7,00; T. Cobacho-Garcia 30,00; M. Audibert 3,00; A. Cnudde 3,00; Ge-Kessous 22,00; R. Bouchet 46,00; P. Freslon 8,00;
**En Svedio (SEK)** Gullmarstam 360,00; Ericson 60,00;
**En Japanio (JPY)** Maeda Yonemi 800; Tahira Masako 200,00; Abe Kimi 1600;



**NOVALIĜOJ**
35714 WEIR Andreo, Room G22 Masson House, Pollock Halls of Residence, 18 Holyroyd Rd., Edinburgh, Skotlando.
35715 OLSSON Bengt, Kvarnvägen 4A, SE-54333 Tibro, Svedio
35716 NAKATU Masanori, Torikai-naka 1-2-5-520, JP-566-0064 Settu, Japanio.
35717 BETEAU Robin, Ferme de la Coune, FR-65200 Banios, Francio.
35718 KANG Hon-gu, Jugong APT 623-1106, Sanggye 7 dong 720, Nowon-gu, KT-139-756 Seoul, Korea Respubliko.
35719 AN Ĝong-su, SK APT 106-209, jongam 2 dong, Seongbuk-gu, KR-136-781 Seoul, Korea Respubliko.
35720 HO- Song, Garaksiyeong apt. 133-408, garak-dong 479, Songpa-gu, KR-138-705 Seoul, Korea Respubliko.

SAT - Kulturo



redaktanto Barko

# La senlima libereco de la maro



"Mi kuris kiel infano, disŝiris miajn vestojn,
kaj mi saltis enakven.
Kaj tio daŭris kelkajn minutojn,
sed mi estis en la ĉielo."

SWINBURNE*

*Mi estas homo de la marĝenoj. Mi loĝas labirintan abismon. Mi vizitadas la premsonĝojn de viaj infanoj. Mi predikas strangan kateĥismon. Mi haladzas la rumon. Kiam mi sterniĝas sur marbordo estas ĉiam kun ĉiesulino. Mi pagas per ŝtelita oro ĉar mi estas la alia, hontinda parto de via ekonomio. Mia ŝipo desegnas sekretan geografion, vi ne povas koncepti ĝin sed la spuroj kiujn ĝi lasas neniam malaperos de via memoro. Mi spegulas la ebriecon, la frenezecon kiu, portempe, ŝtelrapide skuas vian animon kaj vian socion. Mi konas viajn timojn, viajn angorojn. Ili estas la kvoto kies valoro dependas de miaj malbenitaj transakcioj.*

MI ESTAS NIĜRA LEGENDO, **MI ESTAS PIRATO**.

## Socio ekster la socio

La obskura frateco de la piratoj nutras la fantasmojn. Infano fariĝas pirato kiam li revas pri aventuro, libereco, sekretaj trezoroj, senhomaj insuloj, teruraj bataloj. Plenkreskulo revas enŝipiĝi por fuĝi sian ĉiutagecon, trafendi, pendi, dronigi sian ĉefon, sian patronon, sian bankiston... La komunumo de la piratoj estas "la komunumo de la pesimistoj" (Gilles Lapouge). Decidinta, cinika, sovaĝa, senkompata la pirato estas unu el la plej potencaj simboloj de ĉiuj kulturoj sed ankaŭ unu el la plej sensencaj. La pirata aventuro estas nehumana festeno, fetora alĥemio, fatala kuniĝo de eksternormaj destinoj. Ĉiu homo, almenaŭ unufoje, deziras hisi la flagon de la libereco, streĉi la velojn de sia spirito, rompi la ligojn de la laboro, la familio, la edukado, ... levi la ankron. Subita libereco kaj niaj instinktoj kuras kiel sovaĝaj hundoj. Kelkajn aventurojn poste, malhelaj lupoj jam distingiĝas de la hordo !

## La pirata infekto

Multaj elstaraj figuroj trairas la historion de la marrabistoj. Ĉiuj plimalpli kruelaj .

Montesquieu pretendis pri la unuaj grekoj, ke ĉiuj estis piratoj. Almenaŭ Homero respekteme parolas pri tiu "arto". Bakko transformis kelkajn el ili en delfenojn. Aĥilo estis fama marrabisto. Odiseo eĉ diris "tio, kion mi ŝategis, estis la remiloj, la ŝipoj, la sagoj, la poluritaj ĵetlancoj. Ĉiuj mortigiloj, kiuj tremigis la aliajn, estis mia feliĉo."

Meze de la VI-a jarcento, Polikrato, la tirano de Samoso, posedis pli ol cent ŝipojn. Sub lia rego Samoso fariĝas luksega civito, eble la plej bela de sia tempo. La plej famaj kuracistoj, la plej talentaj poetoj frekventas lian kortegon. Eŭpalinoso rekonstruas la templon de la diino Hera kaj boras subteran akvodukton.

Dum la mezepoko la riĉaj urboj Ĝenovo, Venecio, travivis multnombrajn atakojn de piratoj. En 1504 aperas la terura figuro de Ruĝbarbulo. Ankaŭ li estis greka sed li fariĝas muzulmano por rabi sub turka flago. Li tirane regas en Alĝerio kaj subpremas Tunizion kaj Marokon. Sed, iun tagon, la alĝeria popolo ribelas kaj petegas la helpon de Karlo la Kvina. Ruĝbarbulo mortas dum la batalo. Ve, lia frato reprenas la rolon kaj li estas pli kruela, pli perfida! Li ofertas Alĝerion al la sultano de Konstantinopolo por povi libere turmenti la ŝipojn kiuj krozas sur la Mediteraneo. Li mortas ...maljunega, magie enterigita kun nigra hundo por ne plu hanti la marojn! Sed aliaj parioj gvatis la lokon. La historio estas senfina !

La piratoj infektas ĉiujn marojn de la terglobo (Ili estis sennaciuloj!). En Ĉinio, komence de la XIX-a jarcento, sinjorino Ĉing regas sur la aziaj maroj. Ŝi posedis pli ol kvincent pirogojn!, kaj ŝi estas la ĉefpersonaĵo de nombraj legendoj.

Sed mi elvojiras ...

Kiam Kristoforo Kolumbo malkovras novan kontinenton, li renversas la kutimojn de la piratoj. La mondo plivastiĝas. La hispanoj dronigas la jam maljunan Eŭropon sub la azteka oro (kaj sango). La religiaj kaj politikaj kvereloj pravigas la turmentojn kiujn la piratoj suferigas al la malamikaj ŝiparoj. Jarojn post jaroj unu pirato anstataŭas la alian inter la du, Hindio kaj Eŭropo. Ili nomiĝas Lady Macbeth, Sir Drake, Francisko Nau, De Grammont, Low, Kid aŭ Misson ...kaj multaj aliaj.



## La pirata utopio de Misson

Misson ne estas ordinara pirato. Misson estas distinginda pirato kiu revas pri justeco, harmonio kaj paco. Heredanto de malnova familio de Provenco, li majstras matematikojn kaj logikon. Ĉio antaŭdestinis la junan viron al intelekta kariero. Sed Misson revis pri maraj aventuroj. Li varbiĝas en unu el la ŝipoj de la reĝo Ludoviko XIV: La Venko. En Italio li konatiĝas kun dominikano, Carracioli. Ĉi tiu monaĥo estis "komunisto", deisto sed, precipe, eksternorma, alloga oratoro. Carracioli enŝipiĝas kun Misson. Kelkajn tagojn pli malfrue la angloj agresas "La Venkon". La ŝipanaro estas murdita sed la angloj, oni ne scias kial, lasas vivi Misson-on kaj sian amikon. Misson proponas al siaj agresantoj elekti vivon plenan je aventuroj kaj libereco. "La Venko" transformiĝas en piratan ŝipon kaj Carracioli rapide ĉarmas la novan ŝipanaron. "La Venko fariĝas pirato". Kia stranga ŝipo! Oni kaptas nigrulojn. Misson tuj paroladas pri la egaleco de la rasoj. Oni buĉadas maristojn, oni tuj paroladas pri neperforto kaj religie enterigas la kadavrojn. La flago de la ŝipo ne estas nigra sed blanka kun "Dio kaj libereco", brodita. La insultoj estas malpermesitaj ...Oni ĝentile murdas! Protektita per la maro (kaj kelkaj kanonoj !), Misson starigas utopion en parto de Madagaskaro. Li fondas la "Respublikon de Libertalia" kie regas trudvolema "socialismo". Oni permesas la poligamion kaj abolas la privatajn bienojn, ktp ... Por retrovi la unuecon en kiu la unuaj homoj vivis antaŭ Babelo, Misson eĉ kreis komunan lingvon, specon de praa Esperanto sub la tropikoj !

Pensante pri Russo, M. Butor skribos pli poste : "Estas en insulo ke oni povas esperi, ieldirite, rekomenci la homaran historion ."

Mi ne scias kiamaniere finiĝas la historio de la pirato Misson. Certe malbone ĉar lia utopio ne supervivis. Sufiĉas rigardi ĉirkaŭ ni (persone, mi bedaŭras poligamion ...) . Ni estas infanoj, kiuj angore demandas :

Ĉu ankoraŭ ekzistas malkovrotaj insuloj ?

*Cirilo Orsinger*

*Angla romantika poeto, kiun sekvas sulfura fameco.

**Zora Heide**

## Eĉ aĵoj amas pacon

*En burĝonplena ĝardeno de l'eksa fervojisto*
*fieras maljuna vaporlokomotivo pri siaj gloraj tagoj*
*kiam vaporo siblis laŭ la kosmaj vojoj*
*la vasta ŝtalfaŭko abundis je ofta karba festeno*
*kaj la lokomotivestro en karbenigra kitelo*
*polure karesis la glatan ŝelon de sia belulino.*

*Kaj nun en la tempo moderna*
*direktas lokomotivestroj*
*tiel nomatajn monstrojn kun dizel-elektraj motoroj*
*la suno ne plu estas ilia sola mastro*
*flamaj raketoj flugas super la fervojaj strioj*
*dum la universo ĝemas sub bomboj kaj pafiloj.*

*En kolorplena ĝardeno de l'eksa fervojisto*
*kvietan vivon ĝuas maljuna vaporlokomotivo*
*simile al grafino respektoplene flegata*
*kaj ne kiel ferruba monstro ĵetita apud kanalo*

*Ĉirkaŭ fera koloso petolas kavaliro oni ĝin nomas zefiro*
*ĝi rozojn amindumas kaj fajfas por lilioj*
*tie kie regas la paco kaj frata harmonio*
*diskutas maljuna maŝino kun sia ekstra sinjoro*
*pri longaj rellinioj pri tempo forpasinta*
*kaj preĝe la Eternulon petas el fermuskola koro:*
*kompatu mizerulojn, ho Dio ĉiopova*
*ĉar ili ne konscias siajn malbonajn farojn.*



# Irassyaimase !

## (japane : bonvenon!)

## aŭ Tinĉjo en Japanio (n° 2).

La matenon de la 13-a de oktobro mi vekiĝis, kontraŭ mia kutimo, tre malfrue. Se mia memoro ne trompas min estis eĉ iom post la 8-a horo. Kvankam la unua nokto en fremda lito, proksima al strato kie la trafiko bruas, mi dormis kiel bebo, bonege do.

Mi komprenis ke mi estis en Japanio kaj ke mi, la antaŭan tagon manĝis la unuan fojon en la vivo manĝaĵon preparitan laŭ japana stilo. Alveninte al la domo de Masako mi unue duŝis min kio forigis la polvon kaj nervozecon de la vojaĝo. Masako dumtempe faris bruon per potoj kaj patoj kaj prezentis al mi tre bongustan tempuron el legomoj. Bedaŭrinde mia kara amikino ne scias ke mia stomako estas multe malpli granda ol mia staturo, kaj ŝi vere miris pri la malmulteco kion mi manĝis. Mi manĝis japanan pomon kiu same bongustis kiel belga pomo kaj trinkis nigran teon.

Kiam mi eniris la tagĉambron mi renkontiĝis kun la edzo de mia amikino Masako, profesoro Minoro Tahiro, tre afabla persono kun kiu mi tuj havis tre amikan kontakton. Iom strange, sed li prononcas esperanton, kiun li tre flue parolas, iom laŭ angla maniero. La fakto ke li instruas la anglan al studantoj de universitato ludas rolon, mi supozas?

Masako denove montris sian lertecon en kuirejo kaj prezentis tre bongustan, sed tro abundan matenmanĝon. Dum manĝado ni multe babilis, evidente pro 3 babilemuloj, kaj aŭskultis la tagan programon kiun Masako aranĝis por mi.

La vetero estis nekredeble bela. Brila suno salutis min je vekiĝo kaj ĝi montris esti laborpreta por la cetero de la tago. Antaŭ mia vojaĝo mi parolis kun la japanaj amikoj pri mia malŝato veturi aŭtobuse. Aŭtobuso estas por mi iu formo de puno, preskaŭ torturo.

“Ni biciklos al stacio Hankĝuu-Kawaramati al Sone”, diris Masako, “tie ni renkontiĝos kun Tani Hiroyuki, la peranto de SAT en Japanio”, ŝi daŭrigis. Uf! mi ne devas uzi aŭtobuson, mi pensis.

Ekster la domo atendis nin 3 bicikloj, 2 grizaspektaj kaj 1 ruĝa, kiu malutilis pro difektita pneŭmatiko. Masako fiksis la selon tiel ke mi ne koliziu per la genuoj kontraŭ mian mentonon, ĉar mia korpo vere estas iom tro granda por la kutima grandeco de japanaj bicikloj. Nu, tamen mi uzis la biciklon oftege kaj ĝi estis bona kamarado dum la tagoj en Kioto.

Permesu, ke mi interrompu la rakonton por diri ion pri biciklado en Japanio. Kvankam ĝenerale, kaj laŭ mia konstato, la trafiko en Japanaj urboj ne estas tro densa, japanoj ne biciklas sur la aŭtoŝoseoj sed sur la trotuaro. Dum 3 semajnoj mi biciklis inter piedirantoj kaj piediris inter biciklantoj. Mi ne kapablis alkutimiĝi al tio kaj decidis post 1 semajno nur kuri sur la speciala, por blinduloj farita, strio sur la trotuaro kun la espero ke la japanaj biciklistoj pro kompato por la blindulo prenos sufiĉe da distanco de mi. Se mi estus japano, mi certe batalus por havi apartan biciklan strion, kiel ni havas, post longa kaj akra batalo en Antverpeno. Aliflanke mi devas konfesi ke mi vidis neniun kolizion inter piediranto kaj biciklanto, do la sistemo funkcias kaj estas nur stranga por la eŭropano.




*Fervoja stacidomo de Kioto*

Ankaŭ, sed tion mi spertis nur en Kioto, ne estas antaŭviditaj lokoj por parki la biciklon ĉirkaŭ la stacidomoj, stranga afero kiun mi ne povis kompreni. Iun tagon ni eĉ bonŝancis vidante la “kolektantojn de bicikloj” kiuj donis al ni la eblon rapide repreni la biciklon kaj meti ĝin en pli sekuran lokon, kiu estis antaŭ la domo de Masako, kun rezulto ke ni piede devis iri al stacidomo. Jen iu strangaĵo el Kioto, sed montriĝis ke la kiotanoj perfekte povas vivi kun la sistemo.

Ni atingis stacion de Sone iom antaŭ Tani, kio donis al mi la eblon trankvile rigardi la tute malsaman stilon de domoj en Japanio. Okulfrapis min, ke Japanio ne havas iun urboplanigan sistemon kun rezulto ke la tuto de tempo al tempo aspektas iom ĥaosa. Mi pensas ke ĉi tiu manko iom ĝenas la japanojn kiuj jam vizitis Eŭropon ĉar ĉiuj atentigis min pri la manko de laŭ eŭropeca sistemo, de urboplanigado. Mi silentis pri multaj detruoj de historiaj valoraj domoj kiuj okazis en mia urbo Antverpeno por havi pli agrablan urboplanigadan sistemon.

Jen alvenis Tani, kamarado kun kiu mi jam de 8 aŭ 9 jaroj havas interretan kontakton sed kiun mi fizike neniam vidis. Ankaŭ kun li mi havis tuj bonan kaj amikan kontakton. Ĉar la antaŭvidita horo por esti ĉe KLEG

(Kansaja Ligo de Esperantaj Grupoj) ne jam estis, ni decidis kune tagmanĝi. Nia elekto estis itala restoracio tre belaspekta kaj neimageble pura.

Irassyaimase ! diris en ĥoro la servistoj de la restoracio kaj afablega virino direktis nin al eŭropec-aspekta tablo. Ni tuj ricevis glason da akvo, tre freŝan kaj tukon por purigi la manojn. En kelkaj sekundoj, eĉ ne plenan minuton, mi lernis diversajn aferojn.

Enirante iun ajn lokon, kiel vendejo, restoracio, oficejo, ktp oni ĉiam bonvenigas tre afable la gaston, la eniranton per la vorto "Irassyaimase!". Mi spertis tion en etaj vendejoj sed same ankaŭ en grandmagazenoj kie dum vi pasas ĉiuj servistoj bonvenigas vin, ĉar jes, leganto certe jam komprenas ke Irassyaimase ! signifas estu bonvena, kaj mi pensas ke ne estas, laŭ kutimo en



*Mine Yositaka, libroservanto de KLEG*

Usono, simpla vorto, sed ke la japanoj vere diras tion el la koro. Kiam oni eniras restoracion oni ĉiam ricevas tukon kutime el kotono kaj iom varman por viŝi la manojn. Ŝajne la etiketo malpermesas ke viro fronte de virino ne povas viŝi la vizaĝon, sed reale ĉiuj faras tion, do ankaŭ mi, sed mi estas nur belga barbaro, ĉu ne?

Malvarman akvon oni ankaŭ ĉiam donas senpage. Bona kutimo kiun mi povis aprezi kaj kutimo kiun mi jam konas el vojaĝoj tra Usono kie ekzistas la sama sistemo.

Mi manĝis spagetojn kun ajlo, oleo kaj pipro, tre faman pladon en Italio kaj se mi fermus la okulojn mi povus imagi ke mi estas en Italio, en restoracio. La kuiristo tre bone kuiris itale, tre aŭtente kaj ĉar por mi la itala manĝo estas la plej bongusta el la mondo kiun mi iam vizitis, mi bonege manĝis.

Je antaŭvidita horo ni sonorigis ĉe la pordo de KLEG. Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj en Toyonaka. Atendis nin Mine Yositaka, la ĝenerala sekretario de KLEG. La ŝuojn ni lasis laŭ japana maniero ĉe la pordo. Ankaŭ tio ege plaĉas al mi, la sendemanda forigo de ŝuoj enirante domon. En mia propra domo mi ĉiam afable demandas tion al gastoj. Mi malŝategas ke la hundofekaĵoj kaj kraĉaĵoj de malpuruloj kiuj kraĉas sur straton, postrestas sur la tapiŝoj kaj planko de mia domo. Do, bona ideo en Japanio lasi la ŝuojn ĉe la enirpordo. La kvalito de higieno plialtiĝas per tiu sistemo.

Kun Tani kaj Mine mi diskutis pri literaturo, pri SAT kaj pri Sennacieca Revuo de SAT. Mine Yositaka iom kritikis tekston pri la blinda esperantisto kaj aktivulo Eroŝenko, aperinta en la lasta numero de S.R. Mi petis artikolon de li kiu korektus la erarojn, sed iom kutime por aktivuloj, mankas tempo al nia amiko por verki bonan tekston kiu korektus la erarojn en la teksto de S.R.

"Mem lernu kaj esploru ", diris mia nova amiko kaj li donacis al mi la kvinvoluman verkaron de li pri Eroŝenko. La 5 libretoj estas eldonitaj de Japana Esperanta Librokooperativo. Ili estas tre belaspektaj kaj sur bonkvalita papero. La libroservo de KLEG estas sufiĉe granda, eble komparebla kun la libroservo de SAT-Amikaro, mi pensas. Certe la prizorgantoj de libroservo de SAT-Amikaro kaj KLEG estas fratoj en fanatikeco kiam rilatas pri dorloto kaj prizorgo de libroj. Bibliotekoj, librovendejoj kaj libroservoj estas por mi paradizoj, do komprenu ke mi pasigis tre agrablajn horojn en la salonoj de KLEG. Mi lernis tie ke nia japana peranto Tani jam verkis plurajn librojn por instrui esperanton kaj pri gramatiko. Mi ĉiam miras ke tiuj homoj, kiuj dum la tago laboras, vespere havas la bezonatan energion por verki librojn, gvidi kursojn, progresigi Esperanton.

Horoj flugas dum momentoj de amikaj kunsidoj kaj tro rapide ni devis reiri al stacio de Sone por kapti trajnon ree al Kioto. Ni adiaŭis kun Mine kaj Tani kaj trajnis al nia loĝurbo.

Ni vespermanĝis en Suŝi-manĝejo kun aŭtomata turniĝanta tablo. Mi neniam manĝis Suŝi kaj iom dubis ĉu ĝi plaĉos al mi. Tre bongusta kaj tre bona estis la prezentita manĝaĵo. Denove Masako miris pri mia kutimo manĝi malmulton kaj mi miris pri mia jama kapablo manĝi per manĝbastonoj.

Ĉe la enirejo de la Kioto-Esperanto-Societo bonvenigis nin s-rino Mitukawa Sumiko, tre afabla virino kiun mi tuj rekonis el prelego kiun Kreŝo faris pri sia vojaĝo tra Japanio.

Entute partoprenis 8 personoj la kunsidon. Ni babilis pri diversaj aferoj, manĝis japanajn dolĉaĵojn kaj havis tre agrablan vesperon.

Biciklante hejme mi konstatis ke la stratoj en Kioto ne estas forte lumigitaj kiel en Antverpeno. Kioto havas multe pli modestan energian politikon kiun mi forte aplaŭdas, ĉar energio ne estas ludilo sed valora varo kiun ni tre zorge uzu.

Dua tago en Kioto instruis al mi ke la biciklistoj devas fari batalon por havi pli da spaco kaj rajtoj kaj ke la urbo Kioto havas tre ekologi-konscian sistemon por lumigi dum vespero kaj nokto la stratojn.

daŭrigota.

# KONGRESAJ INFORMOJ



**Loĝ-kaj manĝservoj:**

Kiel antaŭanoncite, en la kongresejo «Junulargastejo» eblos ankaŭ loĝi. Je la dispono estas 1-, 2 kaj plurlitaj ĉambroj. Ne multaj 1- kaj 2-litaj ĉambroj estas kun propra necesejo kaj banĉambro, aliaj kun komuna.
Eblas mendi tranoktadon kun matenmanĝo aŭ kun aldona vesper- respektive tagmanĝo.
La kongresejo disponigas al siaj gastoj senpagan parkejon.

**Por tiuj kiuj deziras pli luksan loĝigon ni proponas du hotelojn.**
**H1** estas privata hotelo-vilao je pieddistanco de 30' for de la kongresejo. En tiu hotelo je la dispono estas 1-kaj 2-litaj ĉambroj, kaj po unu 3 kaj 4 litaj. Vilao estas nova, en la ĝardeno troviĝas baseno (tempetaturo de la akvo 32°C). Hotelo posedas garaĝon kaj parkejon. En la hotelo-vilao estas nur 28 litoj!
Servo: tranoktado kun matenmanĝo.

**H2** estas alia privata hotelo kun pli granda litoferto.
Hotelo troviĝas je simila pieddistanco de la kongresejo. En la ĉambroj: 1-, 2- 3- litaj kaj familia troviĝas satelita televido, ĉiuj konektiloj. Ankaŭ tie estas servo: tranoktado kun matenmanĝo. Hotelo posedas parkejon.

Ambaŭ hotelojn oni povas atingi piede aŭ per urba trafiko (buso). Por interesuloj ni ofertas transportservon, t.e. matene post la matenmanĝo oni transportos la kongresanojn de la hoteloj al kongresejo kaj post la fino de la vespera programo reen al la hoteloj.
Prezo de tiu oferto (transporto) por la tuta kongresa semajno estas: 12 EUR.

Eblas veni pli frue kaj resti post la kongreso, sed bv. tion nepre mencii en la aliĝilo/mendilo.

**Manĝaĵoj:**
Ĉiuj proponataj loĝkategorioj krom tranoktado ofertas la matenmanĝon (ne aparte pagendan). Tiuj kiuj loĝos en la junulargastejo povos elekti ankaŭ aldonajn servojn, tag- aŭ vespermanĝon. Por ĉiuj aliaj oni ofertas tagan manĝkuponon kiu inkluzivas tag- kaj vespermanĝojn en la kongreseja restoracio. Kontraŭ 11 EUR tage. Al la kosto de tag- kaj vespermanĝoj oni devas aldoni kostojn de la trinkaĵo kiujn ĉiu mendas surloke kaj tuj pagas per kontanta mono.
**Grave!!!**
En la ĉambroj ne eblas kuiri kaj estas malpermesite deponi manĝaĵon, samkiel malpermesite elporti manĝaĵojn el la restoracio.
Plej proksima vendejo estas je distanco de ĉ. 20' piede.
En la aliĝilo/mendilo nepre menciu se vi estas vegetarano aŭ se vi havas apartan dieton.

**Kongreseja kafejo:**
En la kongresa kafejo kiu funkcios dum la tuta tago oni ofertos varmajn kaj malvarmajn trinkaĵojn kaj diversajn etajn manĝaĵojn: sandviĉojn, kukojn (produktaĵo de la kongreseja restoracio!) kaj fabrikproduktitan glaciaĵon.

**Bonveniga servo:**
Kiam vi scios, bv. sciigi OKK kiam vi alvenos. OKK prizorgos la bonvenigan servon ĉe la fervoja kaj busa stacidomoj.

**EKSKURSOJ:**

Duontagaj ekskursoj (***okazos samtempe, eblas elekti nur unu***):
**D1 Samobor**
Dum duontaga ekskurso ni havos eblecon viziti du urbojn kiuj troviĝas en t.n. zagreba ringo. Temas pri ***Zaprešić*** kaj ***Samobor***.
Urbo Samobor proksime al la landlimo kun Slovenio estas turisme unu el la plej vizitataj lokoj de ĉirkaŭzagreba regiono kies turisma tradicio datas el la 19a jc. Sur ĝia ĉefa placo, ĉiu konstruaĵo estas konservita kulturmonumento de la unua kategorio. Krom tiu placo, ni vizitos urban muzeon kaj franciskanan preĝejon kaj promenos tra fama urba promenejo. Fine oni vizitos unu inter la restoracioj kaj havos eblecon gustumi famajn krem-kukojn pro kiuj zagrebanoj ofte vizitas Samobor.
**Prezo inkluzivas busveturadon, enirbiletojn, viziton al la restoracio: 20 EUR**

**D2 Velika Gorica kaj ĝia ĉirkaŭaĵo**
Dudeko da kilometroj sude de Zagreb troviĝas Velika Gorica, urbo kiu plej proksimas al la zagreba flughaveno. Pro sia urbaranĝo urbo estas plurfoje premiita ankaŭ je internacia nivelo. Dum la ekskurso krom la urbo Velika Gorica kaj tiean lokan muzeon lokitan en la konstruaĵo «Turopoljski grad» kie siatempe estis sidejo de la «Nobla komunumo Turopolje», oni vizitos arkeologian lokon ***Andautonia*** kun la eltrovitaj restaĵoj kiuj pruvas ke tie ekzistis granda romia komplekso en la epoko inter 1a kaj 4a jc. Regiono abundas je lignaj domoj el la 17a jc. Ĉe la fino, surprizo por ĉiuj ekskursanoj.
**Prezo inkluzivas busveturadon, enirbiletojn: 20 EUR**

**Tuttagaj ekskursoj** (***okazos samtempe, eblas elekti nur unu***)

**T1 Etno-vilaĝo Kumrovec, Krapina, Trakoščan**

En ***Kumrovec*** ni vizitos unikan etno-vilaĝon kie oni povas vidi kiel estis aranĝita vilaĝa vivo en la 19a kaj komence de la 20a jc.

***En Krapina*** administra centro de unu inter 20 regionoj ni vizitos Muzeon de evolucio kaj elfosaĵon de «Homo sapiens neanderthalensis» trovitan en la jaro 1899 kaj muzeon de Ljudevit Gaj.

***Kastelo Trakoščan*** estos ankaŭ parto de la tuttaga ekskurso. Temas pri la mezepoka kastelo kie troviĝas armilmuzeo kaj restaŭrita meblaro el epoko de baroko, rokoko kaj klasicismo. Abundas blazonoj de familio Drašković, kiu estis posedanto de la kastelo. La kastelon ĉirkaŭas belega parko tra kiu eblas promeni, samkiel apud la lago.

Ĉe la reveno ni restos en la regiono de Zagorje kaj ni havos tipan regionan vespermanĝon. Reveno planata dum malfruaj vesperaj horoj.

**Prezo inkluzivas busveturadon, enirbiletojn kaj tag- kaj vespermanĝojn: 45 EUR**



*Kastelo Trakoŝĉan*

**T2 Montgrimpado: Montaro Medvednica**

Por tiuj kiuj pli preferos montgrimpadon ni proponas dum la ekskursa tago ekskurson al montaro Medvednica ĝis ĝia pinto Sljeme je 1035m. Survoje al la pinto vizitebla antaŭnelonge renovigita kaj malfermita muzeo-minejo kiu datas el la 17a jc. Ĉe la pinto de montaro eblas viziti preĝejeton konstruitan en la jaro 1932 kun pluraj motivoj el la kroata historio.

Bv. Kunporti ŝuojn por montgrimpado. Ekskurso ne inkluzivas vespermanĝon.

**La prezo inkluzivas tipan montgrimpan tagmanĝon.**
**Prezo: 10 EUR**

**T3 Montaro Medvednica: buse**

Se vi ne emas/povas montgrimpi/marŝi, sed volas tamen ĝui freŝan aeron, ni proponas varianton de la ekskurso **T2**: buse ĝis pinto de montaro Medvednica, leĝeran promenon tra arbaro kaj tagmanĝon.

**Prezo: 15 EUR**

**Grave:**

Dum la ekskursa tago ne ekskursantoj povas mendi tag- kaj/aŭ vespermanĝojn en la kongreseja restoracio. Krome, la ekskursanoj kiuj elektos ekskursojn **T2** aŭ **T3** ankaŭ povos mendi vespermanĝon en la kongreseja restoracio.

Paralele kun la ekskursoj, ĉu duon- aŭ tuttagaj, ne okazos paralelaj kongresaj programoj. Kongresanoj kiuj ne partoprenos ekskursojn povos promeni tra la arbaro de la kongreseja areo, viziti proksiman fiŝkaptejon aŭ memstare viziti la urbon.

**Postkongreso:**

Al ĝi oni ekiros de la kongresejo/respektive hoteloj sabate matene. Survoje oni haltos por tagmanĝo. Dum posttagmezaj horoj oni atingos celon ***Lovran***, faman ripozejon proksime al Rijeka. Dum postaj tagoj oni vizitos ***Pula*** kun mondkonata areno kaj nacian parkon-insulon ***Brijuni*** kie i.a. troviĝas romiaj restaĵoj, vivas pluraj specoj da bestoj kaj abundas kreskaĵoj. Unu postkongresa tago estos dediĉita al la vizito de etaj urbetoj ene de ***Istria duoninsulo*** kaj havos eblecon gustumi tipajn istriajn specialaĵojn. Krome ne mankos historiaj kaj naturaj belaĵoj pri kiuj Istrio abundas. Krome, tri duontagaj ekskursoj direktos nin al proksimdistancaj interesaĵoj. Restos ankaŭ tempo por ĝui la maron.

Loĝigo en hotelo situita nur kelkajn metrojn for de la maro en 1- kaj 2-litaj ĉambroj kun propraj banĉambroj.

De Lovran oni povas facile atingi Ljubljana (tra Rijeka) kaj Trieston.

Prezo inkluzivas: busan transporton de la kongresejo al Lovran kaj reen al Zagreb (reveno planata la 16an de julio ĉ. 12h). Krome, prezo inkluzivas ĉiujn kompletajn ekskursojn, enirbiletojn, du tagmanĝojn kaj 7 loĝigon en la hotelo en 1- aŭ 2-litaj ĉambroj kun servoj: vespermanĝo, tranoktado, matenmanĝo.

**Prezo po persono: 1-lita ĉambro 370 EUR; 2-lita ĉambro 300 EUR.**
**Eblas surloka krompago por la tagmanĝo en la hotelo kontraŭ 8 EUR.**

# Ĉu vi sciis pri la kongreslando ke....?

## KONCIZE PRI KROATIO



**Oficiala nomo**: Respubliko de Kroatio
**Oficiala lingvo** : Kroata lingvo
**Alfabeto**: Latina
**Geloĝantoj** : 4.494.000
**Nombro de insuloj en Adriatiko** : 1.185 (el kiuj 66 loĝataj).
**Longeco de la marbordo** : 5.835 km.
**La plej alta monto** : Dinara 1.831 m
**La plej longaj riveroj** : (partoj kiuj trafluas Kroation) : Sava 562 km, Drava 305 km kaj Danubo 188 km.
**Naciaj parkoj** : Brijuni, Risnjak, Plitviĉka jezera, Sjeverni Velebit, Paklenica Kornati, Krka, Mljet.




**Naturparkoj** : Biokovo, Kopaĉki rit, Lonjsko polje, Medvednica, Papuk, Telaŝĉica, Velebit, Vransko jezero, Uĉka, Ĵumberak-Samoborsko gorje.

**Ĉefurbo** : Zagrebo (ĉirkaŭ miliono da loĝantoj).
La lando konsistas el 20 distriktoj kun ĉefurba distrikto Zagreb. Entute estas 121 urboj kaj 416 komunumoj.

**Aliaj gravaj urboj**: Dubrovnik, Gospiĉ, Karlovac, Knin, Osijek, Pula, Rijeka, Slavonski Brod, Sisak, Split, Ŝibenik, Varaĵdin, Vukovar, Zadar.

**Ekonomia surfaco :** 113.680 km
**Surfaco** : 89.810 kvadrataj kilometroj el tio tera: 56.610 kaj mara: 33.200 kvadrataj kilometroj.

**Politika sistemo** : Plurpartia parlamenta respubliko.
La blazono de la Respubliko de Kroatio estas historia kroata blazono en formo de ŝildo en kiu troviĝas dudekkvin ruĝaj kaj blankaj (arĝentaj) kvadratoj. Super la ŝildo troviĝas en formo de krono kvin malnovaj historiaj blazonoj. De maldekstre: la plej malnova Kroata blazono, blazono de Dubrovnik, de Dalmatio, Istrio kaj Slavonio.

**Kulturo** : Kroatio apartenas al mezeŭropa kaj mediteranea kultura kaj civiliza rondo. Riĉa kaj valora kultura kaj historia heredaĵo atestas pri pli ol miljara ĉeesto de kroatoj sur tiu teritorio.

**Klimato** : En la interna parto de Kroatio estas kontinenta klimato, en montara parto de Kroatio estas montara klimato kaj en mara regiono estas mediteranea klimato (kun



*Brijuni - kiun ni vizitos dum la postkongreso*

seka kaj varma somero kaj humida kaj milda vintro. Kun siaj 2600 sunaj horoj jare, la Adriatika marbordo estas unu el plej sunaj marbordoj de Mediteraneo. La temperaturo de la maro somere estas inter 25°C kaj 27°C.

**Sporto:** Kroatio famas ankaŭ pro siaj sportistoj. Dum lastaj jardekoj elstaras pluraj kroataj korbpilkludantoj, futbalistoj, tenisludantoj, akvopoloistoj, skiistoj. Certe vi aŭdis pri unu el la plej sukcesaj skiistinoj ĉe la lastaj vintraj olimpikaj ludoj, Janica Kostelić, zagrebanino kiu gajnis 3 orajn kaj unu arĝentan, medajlojn.

**Kiel alveni ?**
Estas pluraj eblecoj por atingi Kroation.
**Aviadile**: vd. Zagreba flughaveno: www.zagreb-airport.hr
**Trajne**: v.d. Kroataj fervojoj: www.hznet.hr
**Aŭtobuse** : v.d. Aŭtobusa stacidomo Zagreb: www.akz.hr
**Aŭtomobile** : Kroata aŭto-klubo: www.hak.hr
Ŝipe (ĝis Rijeka, Zadar aŭ Split + daŭrigi trajne/buse): www.jadrolinija.hr

**Vizoj** : loĝantoj de EU kaj de pluraj aliaj landoj ne bezonas vizon por eniri Kroation. Aktualaj informoj kun informoj pri la plej proksima kroata diplomatia oficejo troveblas ĉe : www.mvp.hr
Ĉiukaze, post ricevo de via aliĝo OKK atentigos vin, se vi bezonos enirvizon. Nur al aliĝintoj OKK sendos oficialan invitleteron kiun oni prezentos kun la vizformularo.
**Tempo** : UTC +

**Elektro** : 220 V